2.ª Ep. AÑO XII N.º 66 (202) MARZO - ABRIL 1974




DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO



# VALLADOLID
# KONGRESURBO POR 1974

Placo Madrid

**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

*Director:*
Domingo Martínez Benavente
*Redacción y Administración:*
Inés Gastón
Paseo Marina Moreno, 35, 4.º dcha.
ZARAGOZA

*ADRESOJ*

Federación Española de Esperanto
(Hispana Esperanto-Federacio)
Oficina Central:
Str. Rguez. S. Pedro, 13, 3.º, des. 7
MADRID-15
Prezidanto:
S-ro Angel Figuerola Auque
Str. Víctor de la Serna, 19, 7.º
MADRID-16
Sekretario:
S-ro Manuel Figuerola Palomo
Str. Arturo Soria, 192, 3.º-D
MADRID-17
Kasisto:
S-ro Gerardo Flores Martín
Str. Presidente Carmona, 2
MADRID-20
Ĉekkonto: N.º 8362-271
Banco Español de Crédito
Str. Diego de León, 54
MADRID-6
Libroservo:
Federación Española de Esperanto, O. C.
Str. Rguez. S. Pedro, 13, 3.º, des. 7
MADRID-15
Informa-servo:
Federación Española de Esperanto, O. C.
Str. Rguez. S. Pedro, 13, 3.º, des. 7
MADRID-15
Eldona Fako:
F-ino Inés Gastón
P.º Marina Moreno, 35, 4.º dcha.
Ĉekkonto: N.º 17917, Bc. Bilbao
Coso, 31 ZARAGOZA
Jarkotizo por eksterlando: 120 ptojn.



## de Secretaría

DONANTES DEL FONDO DE ADQUISICION DEL LOCAL EN PROPIEDAD
(F.A.L.P.)

| | | |
|---|---|---|
| *Suma anterior publicada en Boletín I/II/74* ... ... ... ... | 214.000 | ptas. |
| Pedro Nuez Pérez ... ... | 500 | " |
| J. M.ª González Aboín ... | 10.000 | " |
| G. Flores ... ... ... ... ... | 10.000 | " |
| José María Serés Ubach. | 500 | " |
| Padre Manuel Martínez y G. F. ... ... ... ... ... | 500 | " |
| Ministerio de Educación y Ciencia ... ... ... ... | 20.000 | " |
| En 31 de diciembre de 1973. *Total ptas.* | 255.500 | " |

Madrid, 3 de marzo de 1974.
*Gerardo Flores*
Tesorero de H.E.F.

*Deziras korespondi*

GERMANUJO D. R. — Berlin 102, Postfach 112, S-ro Michal Brabenec deziras korespondi en Esperanto kun hispanaj Hotel-fakuloj.

## ATENCION

NOTA DEL COMITE DEL CONGRESO SOBRE ALOJAMIENTOS

Se pone en conocimiento de todas aquellas personas que deseen asistir al Congreso Nacional de Esperanto y deseen reserva de alojamiento, que para este fin se ha encargado a la Agencia de Viajes MELIA de Valladolid.

Por lo tanto pueden ponerse en comunicación para este asunto con cualquier Agencia de Viajes Meliá de España.

*Kongresa materialo:*

| | |
|---|---|
| Poŝtkartoj, unuo ... ... ... ... | 4,— ptj. |
| Folietoj ses glumarkoj, unuo. | 4,— ptj. |

Mendoj kaj pagoj ĉe la konstanta adreso de la Kongreso, Dos de Mayo, 4, bajo. Valladolid.

NOTA DE LA PRESIDENCIA

Se hace extensivo, a todos los efectos, el contenido de la nota publicada en el número anterior de este Boletín, dirigida a los profesores Esperantistas de enseñanza superior y media, a los de enseñanza primaria y de Educación General Básica.

# VALLADOLID OS LLAMA

Queridos amigos: De nuevo la Federación Española de Esperanto ha designado a Valladolid para celebrar su Congreso Nacional. Por esto, el Comité Organizador Local dirige este llamamiento a los Grupos, Asociaciones y demás amantes de la Lengua Internacional para invitaros a dicho Congreso, que se efectuará del 18 al 22 de julio del presente año. Muchos de vosotros ya asististeis al XXIII Congreso, en esta ciudad en el año 1962, del que sabemos llevasteis grata impresión, tanto de sus trabajos y resultados como de la ciudad y del ambiente esperantista que aquí se vivió durante aquellos días. A la brillantez de aquel Congreso contribuyeron las autoridades, con su apoyo y asistencia personal, prensa y radio, con sus amplias informaciones, entidades artísticas y docentes, la industria y el comercio con su cooperación y los vallisoletanos, con su hospitalidad y simpatía, impresionados al escuchar, por primera vez muchos de ellos, hablar en Esperanto, la lengua internacional, a los 300 y pico congresistas de todas las regiones de España, que a él concurrieron.

Este Comité Organizador Local trabaja con el mayor entusiasmo, en unión con la Junta Directiva de la Federación Española, en preparar un amplio programa de actos culturales, recreativos y de organización que os hagan felices durante los cinco días de vuestra estancia en esta histórica y al mismo tiempo moderna ciudad castellana. Porque el Valladolid que hace doce años pudisteis ver, en los albores de su resurgir industrial y urbanístico, es hoy una gran capital, Polo de Desarrollo, con numerosas e importantes fábricas y un comercio exuberante. Su crecimiento urbano se aprecia a primera vista en sus amplias avenidas, enmarcadas por grandes edificios, sus plazas, sus jardines bien cuidados y su playa artificial, unido al espectacular crecimiento de su población y a su clima, fresco por las mañanas y las noches durante el verano. Valladolid es una ciudad atractiva y alegre.

Sin embargo, Valladolid conserva con cariño su tesoro histórico-artístico en Museos (entre ellos el famoso Nacional de Escultura policromada), Iglesias y Centros docentes, que expone a la contemplación de los forasteros con legítimo orgullo.

Este Comité Organizador Local os invita a todos los esperantistas y simpatizantes a este XXXIV Congreso Nacional de Esperanto y os ruega no demoréis el envío de vuestra adhesión, para no crear dificultades en su organización, que pudieran dificultar su brillantez.

Así lo espera y os lo agradece por adelantado,

MARIANO CANTALAPIEDRA NIETO
Presidente del Comité Local Organizador

# LA TRI PAŬLOJ

En la sojlo de nova jaro, oni povas trarigardi la ĵus pasintan kaj en la Arta angulo oni konstatas dolore la gravan perdon de tiuj elstaraj artistoj kiuj estis la tri Paŭloj.

La triopo respondas al la nomoj de Picasso, Neruda kaj Casals, mondfamaj artistoj de la hispana familio; universalaj, ili tuŝis la plej altan gloron de la homoj elektitaj, kaj estis sufiĉe aĝaj por vivadi sub tiu aŭreolo kiu fakte respondis al la meritoj de veraj geniuloj.

Pentristo la unua, poeto la dua, muzikisto la lasta, ili mortis en sama jaro kaj la amantoj de la eternaj valoroj de la Kulturo restis iomete orfaj ĉar la grandaj personecoj de tiuj homoj lumigis la horizonton de la granda Arto, kaj faris epokon en siaj respektivaj aktivecoj.

PAŬLO RUIZ PICASSO naskiĝis en Málaga en 1881; kreinto de la Kubismo li estis la plej alta esprimo de la skolo postimpresionista. Kiel skulptisto li akiris ankaŭ atentindan reliefon, ilustris kolektojn de beletraj libroj kaj pentris murajojn. La Arto de Picasso regas preskaŭ tutan jarcenton kaj liaj pentraĵoj brile ĉeestas en la precipaj muzeoj tutmondaj.

Li mortis en printempo, kiam eksplodo de koloroj de Naturo montris la geniulon la ne imiteblan vivantecon de multnombraj nuancoj, kiujn la sezono heligas: tiuj bluaj, kiujn li volis imiti en lia unua epoko; aŭ la grizaj kaj okraj, kiujn li regis pli poste. Bedaŭrinde devas esti por pentristo morti dum printempo!

En la funebra vico venas nun PAŬLO NERUDA. Li naskiĝis en Ĉilio en 1904, kaj lia vera nomo estis Neftalí Ricardo Reyes. Li aktivis ankaŭ kiel diplomato kaj politikisto, sed estis en Beletro, kie li atingis universalan famon.

La plej altaj premioj ne sufiĉis satigi liajn strebojn kaj esperojn. Oni diras ke li mortis pro malĝojo sed fakte similaj kaŭzoj donis al li en aliaj momentoj forton kaj inspiron por krei novajn verkojn.

Li mortis en somero kiam ĉe li estis printempo kaj ĉio kantis en Naturo vivĝojon kaj poezion, sed gravaj eventoj okazis tiam, kaj li, en sia malespero, ne povis percepti la mil bruetojn de la vekiĝanta sezono, kiu en tiu kontinento estas brila, multkolora, vere alloga...

Kaj fine venas PAŬLO CASALS, la kataluna Paŭ, kiu naskiĝis en Vendrell (Tarragona) en 1876. Li estis sendube la plej virtuoza koncertisto universala de violonĉelo kaj kiel tia, li donis koncertojn en la precipaj salonoj tutmondaj.

Kiel komponisto li kreis tre gravajn verkaĵojn por violonĉelo, violono, piano kaj orkestro. Rimarkindaj estis ankaŭ la aranĝoj kiujn li faris el la verkoj de Bach.

Vera sorĉisto de la plej bona muziko, li ekzercis elektran influon en la aŭdantaro, kaj en tiu senco oni rakontas anekdoton, kiu tiel atestas: Ie, en urbo dum milito, li gvidis koncerton, kiam teruraj eksplodoj pro bombardado tre proksima, tremigis la salonon; nu, eĉ ne unu sola homo forlasis la sidlokon dum la magia bastono de la Majstro daŭre gvidis la orkestron...

Kaj estis aŭtuno, kiam mortis ĉi lasta Paŭlo el tiu admirinda triopo.

Respektoplene ni klinas nian kapon antaŭ la tri malaperintaj kolosoj, kaj kun ili ni adiaŭas tutan epokon de Kulturo kaj Arto, kiu antaŭ ne multe brilis kiel ĉiopova suno.

MARKUS



La "Xiquets de Valls" antaŭ la Urbodomo de Barcelona starigas la turon "quatre de set" (kvar de sep).

*Iom pri Tarragona-provinco: Ĝia Folkloro*

En Tarragona, meritas specialan atenton la folkloro; pluraj el ĝiaj urboj kaj vilaĝoj havas sian karakterizan folkloran manifestacion, kiel la "ball dels bastons" (Danco de la bastonoj), de Montblanch kaj Tarragona; la "ball dels falcons" (Danco de la falkoj), de Llorens del Panadés; la "ball dels diables" (Danco de la diabloj), de Arbós, kaj ĉie la populara kaj tre konata "sardana", kiun oni dancas en la kvar katalunaj provincoj.

Sed, krom tiuj dancoj, Tarragona kiu meritas specialan atenton: temas pri "Els castells" (La homaj turoj).

La tradicio de tiuj homaj turoj ne estas tre antikva, eble ĝi ne havas pli ol ducent jarojn sed ĝi enradikiĝis tiel profunde en la popolo, ke en ĉiuj gravaj festoj de la provinco okazas prezentado de "castells". Aro da 70 aŭ 80 turfaristoj, harditaj junuloj bone trejnitaj, kiuj laŭ la indikoj de la ĉefo formas la turojn.

La plej konataj trupoj estas: "Xiquets de Valls", "Xiquets de Tarragona", "Nens de Vendrell" kaj "Xiquets de Arbós".

Oni prezentas homajn turojn el pluraj etaĝoj de ne imagebla alteco. La plej kompletaj turoj estas la nomataj "quatre de vuit" (kvaropaj de ok) konsistantaj el ok etaĝoj kvarviraj. La turfaristoj starigas sian turon dum la ŝalmisto ludas karakterizan muzikon tre populara en la provinco.

La slango de la "castellers" estas tre varia kaj sonriĉa.

Ĉiu trupo havas specialan distingilon; ili estas vestitaj per blanka pantalono kaj ĉemizo el okulfrapa koloro, kiuj distingigas ĉiun trupon de la alia.

*Inés Gastón*





## ERNESTO TUDELA FLORES

En pasinta numero de BOLETIN ni informis pri la forpaso de nia elstara samideano Dro. Ernesto Tudela Flores. Ĉar la funebra sciigo atingis nin kiam BOLETIN jam estis ĉe la presisto, ni nur povis aldoni tiun koncizan informon.

Dro. Tudela, aktiva membro de la Grupo Esperantista de Valencia, estis unu el tiuj pacaj batalantoj kies vivo estis silenta sed aktiva agado por Esperanto. De kiam li lernis la internacian lingvon, la esperantista laboro de nia samideano estis senĉesa. Multajn kursojn de Esperanto li gvidis; nelacigebla batalanto por interkompreno kaj unuiĝo, li lernigis al la novaj esperantistoj, kune kun la internacia lingvo, la internan ideon kiu konsistigas la esencon de Esperanto.

Li ne nur aktivis en la Hispana Esperanto-movado, sed ankaŭ en la internacia. Dum pluraj jaroj li estis Landa Reprezentanto de la Universala Medicina Esperanto-Asocio en Hispanujo.

Ĉar li konsciis ke por bone lerni la lingvon oni bezonas kiel eble plej kompletan vortaron, en la silento de lia skribo-ĉambro, li sin dediĉis al la verkado de hispana esperanta vortaro (Vocabulario Español-Esperanto), kiu aperis en 1956; de tiam, li pli kaj pli sin dediĉis al la entreprenita laboro kaj en 1959 aperis lia nova vortaro; ĉifoje temis pri "Vocabulario Esperanto-Español". En 1966 aperis kiel dua eldono de la "Vocabulario Español-Esperanto", nova vortaro; ĝi estas multe pli ampleksa ol tiu de la unua eldono kaj feliĉigas la hispanajn esperantistojn por kiuj ĝi estas komplementa lernilo. Intertempe, en 1963, Dro. Tudela aperigis tre koncizan vortaron (Diccionario Elemental) por komencantoj.

Pro lia laboro, la hispanaj esperantistoj multe ŝuldas al nia kara samideano, kiu lasas al ni tiel valoran verkon.

Pro siaj homaj kvalitoj, nobla karaktero kaj sincereco en siaj rilatoj kun la proksimuloj, Dro. Tudela estis alte ŝatata kaj estimata de ĉiuj kiuj lin konis kaj kiuj nun, sincere kondolencas pro tiu neevitebla perdo.

Por lia familio nian plej sinceran kondolencon, ankaŭ nome de la Hispana Esperanto-Federacio.

## LUIGI MINNAJA

Kun profunda emocio ni konis la malĝojigan novaĵon. Sro. Luigi Minnaja mortis! Li pasis tra la vivo bonfarante kaj post vivo plena de bonaj agoj li iris la vojon al la eterna ripozo. Por li tio signifas atingi la superan celon, sed por liaj geamikoj, tio estas grava perdo. Kun li malaperas el la fizika mondo, entuziasma esperantisto kaj granda amiko de nia lando.

Kvazaŭ forĝisto de nova generacio de esperantistoj, —liaj du filoj estas denaskaj esperantistoj—, S-ro Minnaja, nobla kavaliro de la esperantista idealo estis altvalora, komprenema homo, kies perdo grave sentiĝos en Esperantujo.

La geedzoj Minnaja estis bone konataj de la hispanaj esperantistoj, kiuj alte taksis iliajn meritojn.

En 1952, okaze de la 13ª Hispana Kongreso de Esperanto, Sro. Minnaja partoprenis en la unua postmilita Literatura Konkurso organizita de H.E.F., kaj gajnis la unuan premion. Pasintjare li apartenis al la juĝa komisiono de la Literatura Konkurso organizita de "Fundación ESPERANTO", institucio de Hispana Esperanto-Federacio.

En la nomo de Hispana Esperanto-Federacio kaj de la Patronaro de "Fun-

dación ESPERANTO" nian plej sinceran kondolencon al la familio, speciale al lia edzino, Sinjorino Carolina Minnaja.

---

Kiel postmorta omaĝo al nia kara samideano mi publikas la poemon "Mia preĝo" per kiu li atingis la unuan premion en la Literatura Konkurso de H.E.F., en 1952.

## MIA PREĜO

Dia Infano, mia beltrezoro.
Dum vintra nokto stela kaj malvarma
Ame Vi venis de l' ĉiela gloro
Al ĉi tiu mizera valo larma,
Por anonci al homoj de bonvolo
La plej dolĉan mesaĝon de konsolo.
Sinjoro, ĝemas mia kor' dolore,
Al Vi leviĝas mia preĝ' fervore!

Ĉe l' mondo regas nur malam', perforto;
Fariĝis homo por la hom' kruela,
Timige premas danĝerplena sorto
Sur la popolo laca, senribela;
El lupoj ŝajne iĝis la homaro,
Pro lang' venena, sangavida faro.
Sinjoro, ĝemas mia kor' dolore,
Al Vi leviĝas mia preĝ' fervore!

Ĉesigu la malfidon ĉe l' popoloj,
Estigu la konkordon inter homoj:
Paco kaj amo estu la simboloj
De ĉiuj landoj kaj de ĉiuj domoj.
Vivu la mondo sankte kaj sen peno
Sub la granda konsol' de Via beno!
Sinjoro, ĝemas mia kor' dolore,
Al Vi leviĝas mia preĝ' fervore!

*Luigi Minnaja*

---

## ANTAŬ LA ELEKTO DEKOMITATANOJ BPOR LA KOMITATO DE U. E. A

Legante la liston de kandidatoj al la Komitataneco B, venas al mia memoro aŭditaj kritikoj kaj misprezentoj, kiujn nun mi bone komprenas kaj kiuj devigas min ripeti kion en alia okazo mi jam diris: Kiel konsciaj esperantistoj ni ne rajtas riski la vivon de la Universala Asocio per kritikoj kaj misprezentoj. Ni ĉiuj konas la atingojn de U.E.A. kaj la firman laboron sur kiu baziĝas la tutmonda Esperanto-movado dank' al la kapablo kaj sindediĉo de la estraro sub la prezido de Prof. Dro. Lapenna.

Prof. Dalmau en unu el siaj lernigaj artikoloj diris: "La unua agado de ni efektivigota estas okazigi favoran atmosferon...".

Dro. Lapenna metis sian prestiĝon kaj kapablon je la servo de U.E.A. kaj unue kiel Ĝenerala Sekretario kaj nuntempe kiel Prezidanto, kune kun aro da geamikoj pene konstruadis la modernan kaj fortan U.E.A. kun bona reputacio en la ekstera mondo, kio garantias favoran atmosferon por Esperanto. Ni ne permesu ke per nia pasiveco, la kritikoj kaj misprezentoj de intrigantoj kompromitu la objektivajn valorojn en la Esperanto-movado. Oni diras: Se ia ajn ulo triumfas estas dank' al la malkuraĝo kiun per sia silento elmontras la honestuloj.

Feliĉe, la komitatanoj A estas rekte elektitaj de la Landaj Asocioj, kaj inter la kandidatoj por la Komitataneco B, elektotaj de la Delegitoj de U.E.A., troviĝas nomoj de prestiĝaj personoj, fidelaj esperantistoj kiel Dro. Ivo Lapenna, Britujo; Sro. Karl Söderberg, Svedujo; Fino. M. H. Vermaas, Nederlando; Sro. Jean Thierry, Francujo; Sro. Karl Greuter, Svisujo; Sro. Paul Peeraerts, Belgujo; Dro. Juan Régulo Pérez, Hispanujo...

*Inés Gastón*

# EN LA 18ª DE MAJO, TAGO DE BONA VOLO

Denove la junularo de Kimrujo sendis por la junularo de la mondo sian jaran mesaĝon de bona volo okaze de la 18ª de majo 1974, Tago de Bona Volo. Kiel ĉiujare, mi ĝin reproduktas por la hispana esperantistaro.

# MESAĜO DE BONA VOLO

**La kvindek-tria Bonvolmesaĝo de la Junularo de Kimrujo al la Junularo de la Mondo, je Bonvoltago, 1974.**

**Je ĉi tiu Bonvoltago, ni alvokas la junularon de ĉiuj landoj unuiĝi kun ni, por certigi por ĉiu homo sanan kaj abundan vivon.**

Ni konstatas ke multaj samtempuloj niaj vivas en sangomakulita kaj ĉagrenplena medio. Po ĉiu persono, kiu ĝuas nutroriĉajn manĝojn, dormas en komforta hejmo, kaj vekiĝas al abunda vivo, estas miloj kunjunuloj niaj, kiuj malsatas, senhejme kaj malriĉege.

Multaj landoj ekspluatas la avantaĝojn de moderna teknologio, sed je alta kosto de malbeleco kaj malpureco. Ni, en Kimrujo, bone scias pri la malpurigo de la aero kaj la riveroj, kaj pri la malbeligo de la kamparo pro ekonomia gajno.

**Hodiaŭ, ankaŭ ni havas revon, revo, kiu antaŭvidas la tempon, kiam la sanuloj helpos la malsanulojn, la riĉuloj disdonos al la malriĉuloj, kaj la fortuloj subtenos la malfortulojn. Junularo de la mondo, ni taksu abnegacion pli alte ol avarecon. Ni respondu al la alvoko kaj dediĉu nin, entuziasme kaj energie, al la atingo de abunda vivo por la tuta homaro.**

---

Kiel ĉiujare, la 18-an de majo, ni disaŭdigos la Bonvolmesaĝon de la Junularo de Kimrujo kun danko pro ĝia bona volo.

RED.

---

# KOMUNIKO DE LA AKADEMIO DE ESPERANTO

Daŭrigante sian pretigon de la 8-a Oficiala Aldono al la "Universala Vortaro", kaj de la "Baza Oficiala Radikaro", kiujn mi esperas povi publikigi baldaŭ en dua kajero de la "Aktoj de la Akademio", la Akademio jam voĉdonis pri du gravaj punktoj, kaj alvenis al decidoj jenaj:

1.º La Akademio, post vastaj internaj diskutoj, malkonsilas la uzadon de la prepozicio PO por esprimi la rilaton indikitan per la frakci-streko en esprimoj kiel 30 Km/h kaj similaj, kiel rektan eraron kontraŭ la ĝusta signifo de tiu prepozicio, difinita de Zamenhof en unu Lingva Respondo.

Manke de specifa prepozicio por tia uzado, la Akademio lasas liberecon al fakuloj elekti inter la prepozicioj EN, JE, POR aŭ SUR, laŭ la cirkonstancoj, aŭ uzi adverban formon, kiel "30 kilometroj(n) hore".

2.º La Akademio, konsiderante, ke la Lingva Komitato, kiam ĝi en 1922 malkonsilis la enkondukon de la sufikso *-io* por formi landnomojn, bazis sian decidon sur la konstato de la tiama uzado;

konstatante, ke nuntempe, malgraŭ tiu oficiala malkonsilo, la uzado de tiu sufikso -io ne malkreskis, sed male disvastiĝis;

memorante la vojon, indikitan de Zamenhof en la Antaŭparolo al la Fundamento por ebligi senrompan evoluon de la lingvo, kaj konsistantan en la propono de formo nova, uzebla paralele kun la malnova formo;

opinias, ke la okazo de la sufikso -io apud la fundamenta -ujo por ricevi pli internaciajn formojn de landnomoj estas ĝusta apliko de tiu Zamenhofa uzado;

kaj, nuligante la antaŭan malkonsilon de la Lingva Komitato, sed ne ŝanĝante ĝin al rekomendo, lasas al la ĝenerala uzado libere decidi pri la venko de la pli oportuna formo.

Vitry, la 4-an de Februaro 1974.
La Prezidanto de la Akademio,
*G. Waringhien*

# RIMARKOJ PRI LA LABORPLANO DE UEA

*Post la legado de lasta numero de BOLETIN, pluraj hispanaj esperantistoj petis de mi la aperigon en BOLETIN de la artikolo RIMARKOJ PRI LA LABORPLANO DE UEA, aperinta en la sveda revuo LA ESPERO, kaj kies aŭtoro estas Prof. Dro. Ivo Lapenna.*

*La 3-an laborplanon ili legis en la organo de UEA, ESPERANTO, sed, ili bedaŭras ne havi la ŝancon plene koni la "rimarkojn" de nia Prezidanto.*

*Volonte mi komplezas tiujn samideanojn, kaj mi ĝojas pro la granda intereso ke la komento de Sro. Fernando de Diego en la rubriko "Revuo de la revuoj" vekis inter la hispanaj esperantistoj.*

RED.

En la informo pri la Laborplano de UEA, publikigita en la n-ro 5/1973 de "La Espero", estas dirite, ke "malgraŭ forta kontraŭstaro de la estraro de UEA, la komitato kun granda plimulto akceptis la Laborplanon (kun kelkaj modifoj)".

Bedaŭrinde, pro kaŭzoj tute ekster mia kontrolo, mi ne povis partopreni en la laboroj de la UK en Beograd, kaj sekve ne scias, ĉu efektive estis ia "granda kontraŭstaro". Ŝajnas, ke eĉ rilate la akcepton de la Laborplano en la Komitato regas sufiĉe da konfuzo: Ulla Luin asertas, ke la Komitato decidis revizii ĝin "post du tri jaroj"; la Komisiono mem proponis, ke ĝi "validu por periodo de du jaroj"; pluraj ĉeestintaj komitatanoj asertis, ke ĝi validos unu jaron. La malneto de la protokolo de la kunsidoj ne klarigas la aferon. Stranga plia konfuzo pri tiel gravega dokumento, kiu mem akcentas la neceson de "pli forta interna disciplino".

La fakto estas, ke la Estraro, dum sia printempa kunsido (1973), unuanime trovis, "ke la propono de la Komisiono ne estas adekvata kaj ne formas taŭgan bazon por diskuto en la Komitato", sed, kompreneble, lasis la finan decidon al la Komitato. La fakto ankaŭ estas, ke la Komitato akceptis la projekton, sed forigis el ĝi almenaŭ la plej fatalajn erarojn, ekzemple ke la Jarlibro aperu ĉiun trian jaron.

Nu, se sep estraranoj, pri kiuj oni devas almenaŭ supozi, ke ili havas la necesan mondvastan superrigardon pri faktoj kaj eblecoj, trovis tiaspecan projekton maladekvata, dum la plimulto en la Komitato akceptis ĝin, signifas, ke io estas grave malĝusta.

Ne dezirante paroli en la nomo de la tuta Estraro, eĉ ne kiel prezidanto de UEA, mi esprimas ĉi tie plej koncize nur mian personan opinion.

La projekton de la nova Laborplano mi trovis neadekvata el enhava. sistema kaj procedura vidpunktoj.

*Enhavo*

Laŭ sia enhavo la projekto, nun Laborplano, estas senperspektiva. Kiel bazon necesis preni en konsideron la nuntempajn ekonomiajn kaj politikajn internaciajn rilatojn, la faktan pozicion kaj pretendojn de la t.n. grandaj lingvoj en la mondaj kaj regionaj institucioj, kiel ankaŭ en la internacia praktiko, la lingvajn kaj ĝenerale kulturajn ofensivojn kaj kontraŭofensivojn; necesis lokigi la Internacian Lingvon en tiun realaĵon, emfazi la rolon de la Esperanto-organizaĵoj, prezenti la vojojn por elludi la antagonismojn kaj por altiri ĉiujn pozitivajn fortojn, kiuj havas internaciajn kontaktojn kaj celas internacian kompreniĝon, al la solvo por kiu ni pledas. Tio devis esti la elirpunkto de vere nova Laborprogramo. El ĝi devis fonti la maksimumaj kaj minimumaj atingotaj celoj, la konkretaj taskoj kaj rimedoj por la realigo de la tuto ne en 1, 2 aŭ 3 jaroj, sed dum nedifinita periodo, ĉar tian karakteron necese havas kiu ajn perspektiva programo de socia-kultura organizaĵo kiel UEA (pli detale pri tio en la julia-aŭgusta n-ro de "Esperanto", 1973). Tia programo, konforma al la nuntempaj bezonoj, estus ne nur solida baza dokumento de niaj agadoj sur diversaj niveloj, sed ankaŭ inspira instrumento de kuraĝigo kaj mobilizo de ĉiuj niaj fortoj. En la nuna plano tio forestas, kvankam, sendube, en ĝi troviĝas utilaj partoj prenitaj laŭvorte el la Dua Baza Laborplano, kelkaj el la sugestoj de la kunveno en Frostavallen (1972) kaj ankaŭ 2-3 aliaj pripensindaj ideoj.

Tiom, tute principe, rilate la enhavon. Mankas la spaco por pritrakti multnombrajn tre dubindajn erojn aŭ gravajn ellasojn. Nur kelkaj estu menciitaj: restas tute malklara la distingo inter "uzantoj" kaj "agantoj"; se por iuj ĝi estas klara, nenio estas dirita kiajn rezultojn, aldone al la konataj, povus doni diversaj "esploroj kaj analizoj" pri bezonoj de la du grupoj (cetere, kiu faros la esplorojn, laŭ kiuj metodoj, per kiuj financaj rimedoj, ktp.?); nenio estas dirita pri la maksimumaj kaj minimumaj celoj; kvankam la komisiono asertas, ke ĝi prenis kiel bazon por ellaboro de la projekto ankaŭ la konkludojn de la kunvenoj en Frostavallen, tamen pluraj tre utilaj sugestoj ne estas prenitaj en konsideron, ekzemple la integriĝo de TEJO kaj detaloj pri formado de junularaj sekcioj en la lokaj grupoj, modernigo kaj vivigo de la lokaj societoj, ilia rolo en la nuna periodo; multe pli detala pritrakto de regionaj agadoj kun aparta atento al Eŭropo; pritrakto de la taskoj de la fakaj asocioj, pro ilia kreskanta graveco, disde la taskoj de la LA kaj lokaj societoj; forestas sekcio pri la taskoj de unuopuloj, precipe de la delegitoj kaj fakdelegitoj, ktp.

*Sistemo*

Ankaŭ la sistemo estas neadekvata. Multaj eroj, kiuj aperas kiel taskoj de la centraj organoj, devus fakte troviĝi en la partoj, kiuj rilatas al la LA, ekzemple: iniciati la kategorion de "interesitoj", tradukoj el naciaj literaturoj, havigo de mono el naciaj publikaj kasoj, eldonado de nacilingva revuo, agadoj en naciaj parlamentoj, starigo de parlamentaj grupoj, *naciaj* esplorkomisionoj pri la *internacia* lingvo-problemo (kial ne pri la enlandaj lingvaj problemoj?), k.a. La samon oni povus diri pri pluraj taskoj, kiujn tutcerte kapablas pli bone plenumi la fakaj asocioj ol la centraj organoj de UEA.

*Proceduro*

Jen kelkaj el pluraj principaj eraroj el procedura vidpunkto. La Komisiono de 5 membroj, elektita en Londono (1971), dum unu tuta jaro faris absolute nenion: ĝi eĉ ne estis kontaktita. El la 5 membroj, 2 tute "ne havis la okazon partopreni la finan ellaboron de la projekto". Ambaŭ faktoj estas ne tre inspiraj ekzemploj por la membraro, kiun la projekto (plano) alvokas al pli forta interna disciplino, "tiel ke ĉiu organo, funkciulo aŭ oficisto de la Asocio plenumu precize, akurate kaj ĝustatempe siajn taskojn kaj devojn". Plue, la Estraro de UEA —preskaŭ nekredeble— tute ne estis konsultita: la projekto estis rekte sendita al la Komitato fine de januaro. Malgraŭ tiu eraro, mi per cirkulero tuj petis la komitatanojn komenti, sed ĝis la kongreso venis absolute nenia reago. Al la projekto neniam estis aldonita la promesita modelo de laborplano de LA. La projekto neniam estis prezentita en tuteca formo, prespreta, sed en formo de aldonoj, forstrekoj, ŝanĝoj k. s. en la Dua Baza Laborplano (eĉ nun, fine de oktobro, la plano ankoraŭ ne estas redaktita, ĉar, anstataŭ ŝarĝi la Komisionon pri tiu laboro, la Estraro ŝarĝis pri ĝi la superŝarĝitan direktoron de la C.O.). Verŝajne tio kaŭzis la nereagon de la komitatanoj: por komenti ili ja devus studadi, temporabe, almenaŭ tri longajn dokumentojn: la projekton, la Duan Laborplanon kaj la konkludojn de Frostavallen. Estas ege dubinde ĉu antaŭ Beograd aŭ en Beograd mem ĉiuj komitatanoj povis iel orientiĝi en tiu neordigita materialo. Diference de la projektoj de la du antaŭaj bazaj programoj, kiuj estis publikigitaj en la revuo "Esperanto" kaj submetitaj al publika diskuto por eventualaj amendoj, tiu ĉi projekto neniam estis presita en la organo de la Asocio, ĉar la Komisiono eĉ ne venis al la ideo prizorgi tion. Sekve, la membraro estis senigita de esence grava demokrata rajto. Post la 25-jara sistema demokratigado kaj organiza fortikigado de UEA, tio estas granda retropaŝo. La diversaj sugestoj publikigitaj en "Esperanto" kaj en kelkaj aliaj periodaĵoj, estis faritaj en vakuo kaj tial ne povis anstataŭi konkretajn proponojn surbaze de konkreta projekto.

Tiuj ĉi proceduraj eraroj sendube kontribuis al la multnombraj mankoj rilate la enhavon kaj sistemon.

* * *

Mi deziras forte emfazi, ke la supraj amikaj kritikaj rimarkoj neniel tuŝas la personan estimon, kiun mi plu konservas por la membroj de la Komisiono.

## AMBICIOJ

*Al amikino*

Vi min demandis kiaj estas
por la estont' miaj deziroj.
Sincere mi al vi respondos
tra kia voj' plej ŝate iros.

—Kia la pado plej ŝatata?
—Mi diros nur al vi la veron:
Kiel mi vivis la pasinton
ŝatus mi vivi la ceteron.

Apud antikvaj la remparoj
ŝtono kaj ŝtono sur la tero,
kie, instruo por la vivo,
grimpas plej alten la hedero.

Vidi la montojn eminentajn
ĉiam verdiĝi en Aprilo,
kaj sin kovradi la herbejoj
per la floreta bunta milo.

Kaj maljuniĝi same ol la
nigraj rubusoj kaj kratagoj
ĉiam denove verdiĝantaj
kiam alvenas majotagoj.

Vivadi tiel, kiel vivis
sen meditad' pri bon' kaj mal',
kiuj ekdormis sub la ombro
de la antikva katedral'.

Kaj pasi la momenton trudan,
kiu paligas la vizaĝon,
kiel subiras ĉiam suno
en la oktobra ruĝpejzaĝo.

Ĉar kiam sonos sonorilo,
lasta ofero de piec'
Oni pri mi la homoj diros:
Pasis fratin' al Eternec'.

Kaj vesperiĝe, ĉe la forno,
mi scias ke per mia anim',
la "Patro nia" laŭ la moro
preĝos maljunaj najbarinoj.

*Amalia Núñez Dubús*

---

Plej kredeble, la tasko, kiun ili prenis sur sin, ne sufiĉe konsciaj pri ĝia amplekso, multe transpasis iliajn konojn de faktoj, personajn spertojn rilate ellaboron de perspektiva programo kaj ankaŭ aliajn antaŭkondiĉojn, inkluzive la eblecon de personaj kontaktoj.

La laboro, tamen, ne estis tute vana, ĉar tiu dujara atendado de la nova plano (kaj same longa perdo de tre valora tempo) estas tre instrua por ĉiuj, kiuj pretas lerni el la faritaj eraroj kun la celo eviti ilin en la estonteco. Espereble tiel okazos. Se ne, oni povas antaŭvidi kun sufiĉe da certeco danĝeran kaj rapidan retroiron, minacantan la detruon de ĉio pene atingita kaj anarkian malintegriĝon en periodo, kiam organiza kaj idea unueco en diverseco estas pli ol iam necesaj por plua konstruado, por la plua disvastigo de la lingvo surbaze de la ĝisnunaj atingoj.

*Prof. D-ro Ivo Lapenna*

*ANTONIO MACHADO (1875-1939) naskiĝis en Sevilla kaj mortis en Francujo. Jam klasika en la hispana parnaso kaj, tamen, ankoraŭ moderna, ĉiam legata kaj imitata.*

*Kontraŭ la stato de apatio kaj eĉ de frivola indiferento, en kiun falis Hispanujo post sia malvenko en la milito kontraŭ Usono (1898), reagis interalie grupo de junuloj tiam famiĝantaj en la literatura mondo: Baroja, Azorín, Unamuno... Sed, deprimitej kaj seniluziigitej post ne longa kaj vana kampanjo politika, ĉiu rifuĝis en sia verkado. Kiam, pli malfrue, la lando suferis ankoraŭ la saman krizon kaj krome longan kaj ruinigan militon kolonian en Maroko, Antonio Machado alvokis la junularon, per sia poemo ĉi-sube aperanta, strebi, pli firme kaj persiste ol la verkistoj de "la generacio de 1898", al la preparo de pli esperiga destino.*

*Juna Hispanio*

Vunditan Hispanion malnoblo trompo prenis,
ĉar, ĝin ornamaĉinte per karnavala bunto,
al feblo kaj ebrio la landon oni trenis,
ke ĝia man' ne trovu la lokon de la vundo.

Okazis tio ĵuse, en niaj verdaj jaroj;
en tiu trista tempo omenoj nigraj ŝtormis,
kaj volis ni vojaĝi sur la ĥimeraj maroj
dum, plenaj de ŝip-rompoj, la oceanoj dormis.

Sordidan galeraĉon ĉe la haven' ni spitis,
kaj per ŝipeto ora ni celis novajn mondojn;
serĉante altan maron, la teron ni evitis
kaj ĵetis velon, ankron, kaj rudron en la ondojn.

Jam tiam, ĉe la fundo de morta paralizo
—senglora heredaĵo lasita de l' jarcento—
briletis esperdone aŭrora lum-irizo:
pro nia ardo flamis fervor' de nobla sento.

Al propraj revoj, tamen, sin poste ĉiu tiris,
la brakon fortikigis por celo ambicia,
sin armis kavalire kaj kun espero diris:
"La nuno estas aĉa, sed la futuro -mia".

Kaj jam futuro nunas. La tuta Hispanio,
sordida kaj mizera en karnavala bunto,
ankoraŭ same rampas en feblo kaj ebrio,
sed nun pro vino noca: la sango de la vundo.

Vi, junular' pli juna, se de plej alta loko
la volon vi ricevos, vi estu aventura,
senlaca kaj obea al la supera voko,
kaj diamante klara kaj diamante pura.

1914

Traduko: *Fernando de Diego*

BILBAO

LA ZAMENHOFA FESTO EN BILBAO

Kiel ĉiujare, eĉ se iom pli mallonge ol en antaŭaj jaroj, ankaŭ en 1973, la Esperanto-Grupo de Bilbao festis la datrevenon de la naskiĝo de nia glora iniciatinto kaj Majstro Dro. Lázaro Ludoviko Zamenhof.

La 14-an de decembro, nia juna samideano S-ro Petro Pérez disvolvis antaŭ ni unuhoran paroladon sub la temo: "LINGVO KIEL KOMUNIKILO", la ĉeestantaro varme aplaŭdis je la fino. Interesa promeso por la Esperanto-movado en Bilbao estas ĉi tiu junulo, entuziasma samideano, kiu nuntempe militservas en la apudurba kaj frata civito Vitoria.

La 15-an vespere, la geklubanoj kaj simpatiantoj kunvenis en nia sidejo, kie ili estis regalataj per lunĉo.

Dum la festo okazis ludado de "txistu" (vaska fluto), fare de S-ro San Juan kaj de akordeono fare de nia juna samideano Miguel Angel Altuna, Prezidanto de H.E.J.S., pri kies muzika talento ni nenion sciis ĝis tiu tago; laste, intervenis nia Prezidanto, S-ro Ramón de Izaguirre kiu majstre, kiel ĉiam, ludis ĉefe vaskajn muzikaĵojn.

Dimanĉon, la 16-an, je la 11-a horo matene, en kapelo de la Sankta Katedralo kaj Paroĥejo "Santiago", okazis Meso en Esperanto, celebris ĝin pastro R. P. Irala S.J.

Multnombraj esperantistoj ĝin partoprenis kaj bone respondis en Esperanto, kio multe mirigis la ne esperantistan ĉeestantaron, kaj ĝojigis la celebrantan pastron.

Je la 12,20-a horo, ni translokiĝis al nia Grupejo, en kies ĉefa Salono, la muzika trupo "Los Txikis", vere majstre ludis vaskajn kaj hispanamerikajn kantojn, sed ĉefe tiujn plej tipajn el Bilbao.

Tuj sekve, nia samideano, eminenta muzikisto Majstro Leoncio García regalis nin per belega koncerto de piano. Ni aŭskultis verkojn de Chopin, Granados, Albeniz, k.a., ravige ludataj, kaj fine, la pianisto regalis nin per la interpretado de "La Espero". Varmaj aplaŭdoj premiis lian intervenon.

Post aperitivo en la Grupo, ni translokiĝis al konata Restoracio "Amboto" kie okazis la Oficiala Bankedo. Je la fino, ni denove kolektiĝis en nia Grupejo por babili, kartludi, kanti, kaj... denove, trinki la faman ŝaŭmantan vinon VERDA STELO.

*Observema Aĉa Oldulo*

CALLOSA DE SEGURA




La Esperanto-movado refloras en tiu ĉi urbeto, tradicie esperantista.

En la monato novembro pasintjara, post altira propagando kaj diskonigo de Esperanto kiel vivanta lingvo en la senperaj internaciaj rilatoj, ni programis Esperanto-kurson, kiu komenciĝis tuj sekve.

Ĉiusabate, de la 7-a ĝis la 8,30 vespere, en la "Grupo Escolar José Antonio Primo de Rivera", kiun tre ĝentile metis je nia dispono ĝia Direktoro, helpema simpatianto de nia lingvo, ni havas la okazon ariĝi ĉirkaŭ la gvidanto de la kurso S-ro Francisco Zaragoza Ruiz, kompetenta esperantisto, profesoro kaj instruisto de E.G.B.

La gelernantoj estas tiel multenombraj kiel variaj laŭ ilia aĝo. La meza nombro da partoprenantoj, ĉiusabate, estas ĉirkaŭ 25-30; ĉiuj percepteble progresas. La lingvo parolata dum la kurso estas Esperanto, al kiu ĉiuj rapide alkutimiĝas precipe pro la mimiko kiu akompanas la esprimojn en Esperanto. La ne facilaj vortoj parolataj sinsekve esperante-hispane aŭ hispane-esperante multe helpas al esperanta babilema etoso.

Por la proksima somero, ni planas vojaĝon eksterlanden por elmontri al partoprenantoj ke Esperanto estas ne nur internacia lingvo, sed ankaŭ la ŝlosilo de paco kaj helpema fervoro inter la Esperanto-parolantoj.

Ni entuziasmiĝas kiel petolemaj geknaboj.

*José M.ª Bernabéu*

MADRID

Je la monato januaro komenciĝis elementa kurso de Esperanto, gvidata de S-ro Raimundo Ibáñez Crespo. Ĝi okazas marde kaj ĵaŭde je la 8-a vespere, en la Centra Oficejo de Hispana Esperanto-Federacio.

*MAHON*

Nia samideano S-ro Antonio Tuduri senlace laboras por la Esperanto-movado. Krom la Kurso de Esperanto, kiun li klarigas en Mahón, nun li preparas la grundon en Ciudadela kie li prelegis en la Liceo, kie same la profesoroj kiel la lernantoj multe interesiĝis pri la Internacia Lingvo.



Simpatiaj gelernantoj de Esperanto en la somera Esperanto-kurso.

*LAS PALMAS DE GRAN CANARIA*

La laboro de niaj nelacigeblaj samideanoj S-roj Antonio kaj Sebastián Sarmiento daŭras seninterrompe. La serio da artikoloj aperintaj en la ĵurnalo "Diario de Las Palmas" bone plenumis sian informan laboron kaj vekis la intereson de la ĝenerala publiko. Nun, ili preparas Esperanto-ekspozicion. Do, volonte mi aperigas ĉi tiun ricevitan anonceton:

Unika Grand-Kanaria Esperanto-grupo aranĝos en aprilo Esperanto-ekspozicion "Esperanto-montrafenestro al proksima Afriko". Sendu ĉiaspecajn Esperantaĵojn al: Antonio Sarmiento, str. Tomás Morales, 43, 3.º izqda. LAS PALMAS DE GRAN CANARIA.

*VALLADOLID*

JUNTA GENERAL ANUAL DEL GRUPO ESPERANTISTA "FIDO KAJ ESPERO"

El domingo día 17 de febrero, el Grupo Esperantista "Fido kaj Espero" de Valladolid celebró la Junta General anual reglamentaria bajo la Presidencia de D. Gonzalo Castañón. Leída que fue por el Secretario el acta de la Junta General anterior, fue aprobada por unanimidad. Asimismo el Sr. Tesorero dio lectura al estado de cuentas de 1973 y presupuesto para 1974, siendo todo ello aprobado.

Tras la lectura de la Memoria de Actividades del año 1973, que fueron del agrado de los asistentes, se pasó a elegir la nueva Junta Directiva, que quedó compuesta de la siguiente forma:

Presidente, don Gonzalo Castañón Marcos; Vicepresidente, don Antonio Gamboa Sánchez; Secretario, doña María Rafaela Urueña Alvarez; Vicesecretario, don Eladio González; Tesorero, don Mauro López Nalda; Contador, don Francisco Castañón Marcos; Bibliotecario, don Jacinto Urueña Antón; Vocales, doña María Dolores Lafont Morgado, doña Agueda Lobato de Lorenzo y don Emiliano Lorenzo.

Tras agradecer a los directivos cesantes su actividad y entusiasmo demostrados en el desempeño de sus cargos, el Presidente dio la bienvenida a los directivos entrantes.

En el turno de ruegos y preguntas, el Presidente recalcó el hecho de que al celebrarse en julio del corriente año 1974 el Congreso Nacional de Esperanto en nuestra ciudad, se necesita la colaboración de todos los socios. Don Mariano Cantalapiedra pidió también colaboradores para las distintas comisiones del Comité Local Organizador.

A la una de la tarde se dio por terminada la Junta.

*CENTRO DE ESPERANTO SABADELL*

ĜENERALA KAJ EKSTERORDINARA KUNVENOJ - 1974

Komenciĝis la Ĝenerala Kunveno, sub la prezido de S-ro Llibert Puig, Prezidanto de C.E.S. La ĉeestantaro estis malmultenombra, sed la junulara reprezento estis forta.

Post legado kaj aprobo de la antaŭa protokolo, la subskribinto, kiel sekretario de la Societo, parole analizis la realigitan kaj nerealigitan laboron, dum la jaro 1973, kaj el kiu menciindaj estas la jenaj taskoj:

Sukceso de nia Societa Festo. Denove nia Centro prenis parton en la loka "Foiro de la Libro". Efike ni kunlaboris en la 15ª Kataluna Esperantista Renkontiĝo. Membroj de nia Centro,

ĉeestis la Nacian Kongreson de Esperanto en Madrid kaj la Internaciajn en Beogrado kaj Sarajevo. La rolo de la Sekcio R.E.L.A. ne estis tiel sukcesa kiel dum la antaŭa jaro, tamen 10.000 pesetojn ni ankoraŭ dediĉis por aĉeto de Libroj en Esperanto. Entuziasme nia Societo celebris la Feston Zamenhof kaj Tagon de la Libro en Esperanto. Digne, en la anteno de "EAJ-20 Radio Sabadell" troviĝis nia programo "Esperanto, la Lengua Internacional". Niaj gejunuloj organizis la 1-an Junularan Aŭtunan Esperantistan Renkontiĝon. Oni programis tri parolajn kursojn: superan, elementan kaj infanan. La Kurso per Korespondado iom vigliĝis. La laboro de nia kunestrarano S-ro Ribes inter la junularo. Regule aperis "Sabadell Esperantista". Ni devas bedaŭri, la t. n. —praktikado de Esperanto— ne atingis la deziratan nivelon. La plibonigo de nova sekretariejo en la Kooperativo "La Sabadellense".

La ekonomia situacio ne prezentis deficiton. Por la nuna jaro 1974, oni antaŭvidis buĝeton proksimuman je 70.000 pesetoj. La enspezojn oni kalkulis je la sama kvanto.

La taskoj por la nuna jaro, krom tiuj kiuj jam fariĝis tradiciaj, estas: Firma decido plialtigi nian Esperanto-kapablon. Diskonigi Esperanton kiel eble plej multe. Do, du simplaj sed gravaj taskoj.

Oni decidis plialtigi la kotizon, ĝis 25 pesetoj monate.

Krei propran Libro-servon.

Fine sekvis la Eksterordinara Kunveno, kies nura punkto en la tagordo estis: Renovigo parta de la estraro, kiu formiĝis jene:

Prezidanto, S-ro Llibert Puig Gandía; Vicprezidanto, S-ro Santiago Torné Grau; Sekretario, S-ro Luis Serrano Pérez; Vicsekretario, S-ino Montserrat Pareras de Ribes; Kasisto, S-ro Martín Armengol Llobet; Kontisto, S-ro Jaume Armengol Doménech; Voĉdonantoj, F-ino Magda Clerch Regull; S-ro Sebastián Ribes Garolera; S-ro José M.ª Galofre Domingo kaj S-ro Francisco Soley Sallarés.

Sabadell la 20-an de januaro 1974.

*Luis Serrano Pérez*
Sekretario

Aldonaĵo. Centro de Esperanto Sabadell la 20-an de januaro havis 172 membrojn.

---

## IFEF-POSTKONGRESO EN CALELLA DE LA COSTA (Barcelono) HISPANUJO



Calella de la Costa, bela urbo de la mediteranea marbordo, kiu gastigos la IFEF-Postkongreso okazonta de la 18ª ĝis la 21ª de majo 1974.

La situo de la urbo kaj ĝia beleco estas garantio de ripoziga kaj samtempe tre interesa programo.

## FUNDACION "ESPERANTO"

La Patronaro de la "Fundación ESPERANTO" decidis en kunsido okazinta la 20-an de februaro 1974-a organizi du konkursojn. Nome:

*Literatura Konkurso*

Estos tri premioj:

1ª — Premio "Fundación ESPERANTO", 5.000 pesetoj kun konfirma diplomo.
2ª — Premio "Fundación ESPERANTO", 3.000 pesetoj kun konfirma diplomo.
3ª — Premio "Francisco Máñez", 2.000 pesetoj kun konfirma diplomo.

Oni aljuĝos tiujn tri premiojn al la tri plej bonaj originalaj rakontoj verkitaj en Esperanto.

R E G U L A R O

1) La konkursantoj devas esti membroj de Hispana Esperanto-Federacio aŭ eksterlandaj abonantoj al BOLETIN.
2) Ĉiu konkursaĵo ampleksu 2.000 - 3.000 vortojn (bone atentu ĉi tiun punkton).
3) Oni sendu po kvin ekzemplerojn de la konkursaĵo tajpitajn laŭ duoblaj interlinioj.
4) La konkursaĵoj devas esti subskribitaj per pseŭdonimo por kaŝi la identecon de la konkursanto, kaj en aparta koverto, sur kiu devas esti skribita la identiga pseŭdonimo, oni sendu la nomon kaj la adreson.
5) Kiam publikiĝos la Verdikto, publikiĝos samtempe la nomoj de la juĝintoj.
6) La dat-limo por sendi la konkursaĵojn estas 30-a de septembro 1974-a. Kun la indiko: "Por la Konkurso «Fundación ESPERANTO»", oni sendu la tekstojn al: F-ino Inés Gastón, Sekretariino. Paseo Marina Moreno, núm. 35, 4.º dcha. Zaragoza.
La Verdikto publikiĝos okaze de la Tago de Zamenhof, la 15-an de decembro 1974-a.

PREMIO "CASANOVAS-FERRANDIZ"

La Patronaro de "Fundación ESPERANTO" en sama kunsido, ankaŭ decidis organizi konkurson por premii per

Premio "Casanovas-Ferrandiz", 5.000 pesetoj kun konfirma diplomo kaj memoriga medalo.

La esperantist(in)on, kiu plej sindone kaj kun plej bonaj rezultoj sin dediĉis lernigi Esperanton.

R E G U L A R O

1) La konkursantoj devas esti membroj de Hispana Esperanto-Federacio.
2) La faritan laboron kaj rezulton atingitan de la konkursantoj, devos esti prezentita antaŭ la 30-an de septembro 1974-a.
3) La meritojn de la aspirantoj ekzamenos kvalifikita juĝantaro.
4) Okaze de samnivelaj meritoj ricevos la premion tiu kiu pli efike diskonigis Esperanton.
5) La Verdikto publikiĝos okaze de la Tago de Zamenhof, la 15-an de decembro 1974-a.

Kun la indiko: Por la Konkurso Premio "Casanovas-Ferrandiz", oni sendu la dokumentarojn al: F-ino Inés Gastón, Sekretariino. Paseo Marina Moreno, núm. 35, 4.º dcha. Zaragoza.

Zaragoza la 10-an de marto de 1974.
*Inés Gastón*
Sekretariino de la
"Fundación ESPERANTO" kaj de la Konkursoj

---

**Tres nuevos donativos hay que sumar a los ya recibidos para la Fundación, estos son los siguientes: don Carlos Boloix, de Zaragoza, 500 pesetas; señores Bielsa-Lázaro, de Zaragoza, 1.000 pesetas, y don Víctor Ortiz Gratal, de Zaragoza, 1.000 pesetas. Total recibido en 1974: 10.930 pesetas.**

## RAPORTO PRI LA AGADO DE LA HISPANA TURISMA ESPERANTA SEKCIO DUM 1973

En la jaro 1973-a, la vivo de la Hispana Turisma Esperanta Sekcio disvolviĝis laŭ la plano programita en la pasinta ĝenerala Kunveno; la esperantista aktiveco de la sekcio daŭrigis sian konstantan laboron, kaj, la elspezoj buĝetitaj estis kovritaj de la enspezoj.

La kurso de Esperanto organizita de H.T.E.S. en "Centro Cultural Medina" estis ja sukcesa. Sekve de tio, en la monato novembro, ankaŭ organizita de H.T.E.S., nova kurso komenciĝis en sama Oficiala Centro, kaj ankaŭ ĝi estas gvidata de S-ro Fernando de Diego, kiun ni dankas pro lia sindonemo.

Pere de la raportoj, kiuj aperis en BOLETIN, vi estis informitaj pri la diversaj aranĝoj organizitaj. Unuavice, la Esperantista Renkonto en Alcañiz (Teruel), kie la semo bone fruktiĝas. Due, la Franca-Hispana Esperantista Renkontiĝo okazinta en Bilbao, kiu meritas specialan atenton. Kiam nia prezidantino ĝin anoncis, ne vane, ŝi diris: "en la Grupo Esperantista de Bilbao kunfandiĝas sperto kaj vigleco, kies rezulto estas granda entuziasmo". Ĉifoje, tiu entuziasmo ebligis la efektivigon de tre interesa programo bone elektita. Kvankam post nia reveno al Zaragoza, ni jam gratulis kaj dankis al la esperantistoj de Bilbao, ni deziras je ĉi tiu okazo esprimi nian gratulon kaj dankon publike. Fine, la organizado kaj efektivigo de komuna flugvojaĝo al Beogrado kaj Ateno por partopreni en la 58ª Universala Kongreso de Esperanto, kaj en la Oficiala Postkongreso bone sukcesis. Ĉijare, en ĝi ekestis novaĵo, kiu igis ĝin internacia; la simpatia paro, gesinjoroj Raymond Pons, el Verniolle (Francujo), sin aliĝis al nia organizado kaj kunvojaĝis kun ni.

Pri la sukceso de tiuj tri aranĝoj, pli malpli, vi estis informitaj pere de la raportoj en BOLETIN; kaj nun, mi devas ripeti kion mi diris en aliaj okazoj: per ĝia efektivigo ni kontentige plenumis nian celon; dum kelkaj tagoj, esperantistoj el diversaj hispanaj regionoj kaj el diversaj landoj travivis en amikeca frata etoso vizitante tre interesajn kaj belajn lokojn de Hispanujo, kaj ankaŭ eksterlandajn; propagandis Esperanton per faktoj, kaj serioze informis pri ĝi. Por la organizado de ekskursoj ni daŭrigas nian kunlaboron kun la Delegacio en Zaragoza de firmo MELIA.

Vizitojn ni ricevis de esperantistoj el Svedujo, Francujo, Usono, Britujo, Pollando, Hungarujo kaj Nederlando. Inter la vizitoj ricevitaj, mi deziras aparte mencii tiun de la ensemblo "Evangelia Ritmo", kies direktoro estas nia pola samideano, S-ro Leszek Irek. Ĝi konsistas el sep knabinoj, kiuj belege kantas akompanataj per gitaro. Ili restis en nia urbo du tagojn. Bedaŭrinde, la vizito okazis en la monato aŭgusto, pro kio estis tre malmultaj la zaragozaj esperantistoj, kiujn ili povis kontakti ĉar en tiu epoko preskaŭ ĉiuj ferias en pli malvarmaj lokoj.

Rilate al informado pri vojaĝplanoj, feriaj lokoj en Hispanujo, ktp. nia laboro estis tre intensa ĉar ĉiujare oni petas informojn pri plej diversaj aferoj, kaj el plej diversaj landoj.

Zaragoza la 31-an de decembro 1973.

La Sekretariino, *M.ª Pilar Sancho Rebullida*



La ensemblo "Evangelia Ritmo" pozas por BOLETIN kune kun esperantistinoj de Zaragoza.

Ĉi tiu ensemblo dum sia ĉeesto en nia urbo kantis en Esperanto en la Baziliko "El Pilar", dum pastro Leszek Irek oficis la Meson. Ili kantas en Esperanto, germana kaj pola lingvoj. La beleco de la kantoj tuj kaptis la atenton de la ĉeestantoj en la Baziliko je tiu frua horo de la dimanĉo, 19-a de aŭgusto.

Pro manko da tempo ili devis rezigni la inviton de Centro de Esperanto Sabadell kaj tiun de la Grupo de Calella de la Costa. Ni esperas ke en proksima estonto ili povos reveni al nia lando.

## LA PRONONCADO

Estas tre simpla. Ĉiu ajn prononcas la vortojn esperantajn kiel li volas. Eblas pli granda facileco?

Tamen estas diversaj skoloj. Nome:

1. *Antikva (aŭ Maljuna, sed ne Olda!) Skolo.* Ankaŭ nomata skandanta. Ĝi prononcis la literojn po unu. Jam diris la Majstro:

"Ni paŭzo post paŭzo, post longa laboro..."

En kelkaj okazoj, oni povis iom bjalistokigi la prononcadon, farante s = ŝ (ALTA EKZEMPLO).

— Pri kio li parolas, pri la verda stelo aŭ pri la verda ŝtelo?

— Mi ne bone scias; eble, pri Lia Markiza Moŝto.

2. *Angla Skolo.* En tiu ĉi oni prononcas bone la konsonantojn, sed malbone ĉiujn vokalojn.

3. *Hispana Skolo.* Prononcado preskaŭ bona de la vokaloj, sed malbona de la konsonantoj.

La rozujo ne havas rozon, nur roson. Ĉu li estis ruza aŭ rusa? En Hispanujo, ĉe la verdaj piedoj de la montoj, apud la gajaj riveretoj, oni vidas ĉiam danci: estas la baloj...

4. *Franca Skolo.* Ĝi prononcas nek H nek Ĥ. Sendube pro franca influo malaperis preskaŭ ĉiuj Ĥ, kaj estas domaĝe. La ARĤAIKA ĤINA ARĤITEKTURO estis multe pli bela ol la arkaika ĉina arkitekturo.

5. *Nova (aŭ Eklektika) Skolo.* Ĝi miksas ĉiujn malperfektaĵojn de la kvar antaŭaj skoloj.

6. *Iva Skolo.* Ĝi adoptis la sufikson IV kaj tial estas sentiva, dum la aliaj estas antaŭ ĉio sentemaj. Kelkaj aŭtoroj jesas emfaze, ke la nomo devenas de Doktoro IVO Lapenna, prezidanto de UEA, kiu ĝin paroladas perfekte.

## LA ORTOGRAFIO

Kiel oni devas skribi?:

a) Jozefo, la izraelido; b) Jozefo, la israelido; c) Josefo, la izraelido; aŭ ĉ) Josefo, la israelido.

Neniel! Sed, tute simple: Joĉjo, la hebreo.

Kiel vi "kutimas" skribi: Stampfi aŭ Stamfi?

La supersignoj: Mi jam parolis pri la Ĥ. Vidu aliajn frazojn kun literoj supersignitaj.

"La ondo mara ŝaŭmiĝis". (Ĉu vi ne vidas la ŝaŭmon salti?)

"Li ĝibiĝas sub la ŝarĝo". (Ĉu vi ne sentas la pezon?)

Mi amegas la supersignojn. Mi volonte skribus:

"La fluĝiloĵ de la ŝovaĝaĵ anŝeroĵ" Kia bela libereco, en la aero kaj en la papero! (Ĉu vi ne vidas kiel ili flugas?)

## LA TRADUKADO

Unua metodo. Traduki el lingvo dum oni ĝin lernas. ("La neĝa blovado". Libro elĉerpita). Kaj poste, aliaj multaj tradukintoj, ne tiel bonaj kiel Grabowski.

Dua metodo. Traduki, ni dirus, anglajn aŭ danajn aŭtorojn, tra nebonaj germanaj tradukoj (ALTAJ EKZEMPLOJ. Libroj elĉerpitaj).

Tria metodo. Traduki sen bone koni Esperanton. Kiel faras multaj tradukistoj. (Libroj elĉerpitaj).

Kaj Kvara metodo. Traduki bone. Estas la plej malofta maniero. (Libroj elĉerpitaj).

*José Olavide*

ELDONA FAKO
HISPANA ESPERANTO FEDERACIO
ZARAGOZA

## RESUMEN DE CUENTAS DE LA SECCION EDITORIAL DE F.E.E. - 1973

| | *Pesetas* | *Pesetas* |
|---|---|---|
| Capital a amortizar en 31 de diciembre de 1972 . | | 9.626,— |
| GASTADO: | | |
| En material según nota presentada ... ... ... ... ... | 429,— | |
| Correo y transportes ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 365,— | 794,— |
| | | 10.420,— |
| INGRESOS: | | |
| Por venta de material ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 15.941,50 | |

RESUMEN:

| | *Pesetas* |
|---|---|
| Ingresado ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 15.941,50 |
| Gastado ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 10.420,— |
| *Saldo a favor de S. E.* ... ... | 5.521,50 |

La edición de "Kun sopira koro" pudo hacerse este año gracias a una aportación extraordinaria que hay que ir reintegrando con la venta de ejemplares de dicha obra, por ello no figura en las cuentas generales de la sección, ya que solo cuando se acabe de reintegrar dicha aportación, es cuando los ejemplares restantes pasarán a engrosar las ventas de material de la Sección Editorial.

Zaragoza, a 31 de diciembre de 1973.
*Inés Gastón*

## ELDONA FAKO DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO

Je via dispono estas jenaj libroj:

| | | |
|---|---|---|
| ETERNECO, Navarra Legendo, de Amalia Núñez Dubús ... ... | 10,— | ptoj. |
| FILOZOFIO DE FANTOMO, de W. Fernández Flórez, trad. Luis Hernández ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 30,— | " |
| LA LANDO DE ALVARGONZALEZ, de A. Machado, trad. Fernando de Diego ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 50,— | " |
| KUN SOPIRA KORO (Rimas), de G. A. Bécquer, trad. Fernando de Diego ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 120,— | " |
| SANGO KAJ SABLO, de V. Blasco Ibáñez, trad. Ramón de Salas. | 90,— | " |
| LA MALPRUDENTA SCIVOLULO, de M. de Cervantes, trad. Luis Hernández ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 40,— | " |

Al mendantoj de minimume kvin ekzempleroj de sama titolo ni donas 10 % rabaton.

## NI GRATULAS

Nia samideano S-ro Manuel López Serna informas nin ke per la naskiĝo de sia unua nepo Alvaro komenciĝis tria generacio de esperantistoj en sia familio.

La malgrandeta Alvaro, ĝis nun flue Esperanton ploranta, estas filo de nia samideanino, aktiva membro de Hispana Esperanto-Federacio, Conchita López Hernández.

Por la gepatroj kaj geavoj de la ĵusnaskito, nian koran gratulon.

OOMOTO de julio-oktobro 1973 publikigas la prelegon "Perspektivo de Esperanto-movado en estonteco", kiun eldiris ĝia aŭtoro William Auld ĉe la 60-a Japana Esperanto-Kongreso en Kameoka. Ĝi tekstas interalie:

*Mi kelkfoje aŭdis personojn ne-esperantistajn diri, ke lingva problemo vere ne ekzistas, kaj mi dirus al tiuj personoj, ke ili grande eraras. Estas fakto, ke ie tie en la mondo kelkaj unuopaj individuoj sukcesas akiri fremdan lingvon ĝis kontentiga grado, sed tio estas speciala talento. Ĝi estas talento de nur tre malmultaj personoj. Ankaŭ kelkfoje oni lernas pli malpli bone paroli fremdan lingvon, ĉar ĝi helpas al ni perlabori vivrimedojn. Sed eĉ en tio ni devas konstati, ke la granda plimulto tion ne sukcesas, kaj eĉ por tiuj talentuloj troviĝas nepraj limoj al la eblecoj en lernado de fremdaj lingvoj. Malgraŭ tiu fakto, en la lernejoj de la tuta mondo oni dediĉas plurajn jarojn al lernado de fremdaj lingvoj; la sukceso de tiu instruado, se ni estas honestaj, ni devas rekoni, estas malgranda, ĝi estas plorige nesufiĉa. En mia lernejo ĉiujare tricent lernantoj komencas lerni francan lingvon. Kiam post kvin jaroj ili forlasas la lernejon, el tiuj tricent ne pli ol tridek posedas eĉ iomete francan lingvon, kaj el tiuj tridek ne pli ol tri posedas ĝin kontentige, kaj tio certe ne estas unikaĵo de mia Lando.*

Jes, tiel statas la lernado de lingvoj ĉie en la mondo, ne nur en la lernejo de s-ro Auld. Aliflanke, se ni estas honestaj, ni devas rekoni, ke ankaŭ la sukceso de la instruado de Esperanto estas malgranda, kaj ke tro granda proporcio de lernantoj forlasas definitive la klasĉambron antaŭ la fino de la kurso, kun apenaŭ elementa scio de nia lingvo. Oni devus fari ĝisfundan kaj sinceran enketon pri tia fenomeno kaj el ĝiaj konkludoj eltiri la eventualajn rimedojn por korekti tiel negativan situacion.

* * *

Specon de respondo al mia ĉi-supra komento liveras DER ESPERANTIST, junio-oktobro 1973, en sia artikolo "Kiel pliviveligi la grupojn":

*Kiel pruvas spertoj, multaj kursanoj devis forlasi la kurson pro profesiaj aŭ privataj kaŭzoj kaj tute ne pro Esperanto (sed ofte pro malbona rego de la gepatra lingvo!) aŭ la malbona kursogvidanto (kio tamen ankaŭ, bedaŭrinde, sufiĉe ofte okazas). Ili ĉiuj ĝenerale diversmaniere pozitive propagandas por Esperanto. Ili ĉiuj havas diversajn sociajn kontaktojn (en profesio, familio, socia aktivado, k.t.p.) kaj povas influi la kreskon de scio pri Esperanto... Multaj homoj forlasintaj la kurson antaŭ ties fino, tamen ofte konservis al si intereson por Esperanto, kiu ilin iam denove direktos al kurso, aŭ kiu ilin alimaniere pozitive agigas por Esperanto. Por ambaŭ kazoj ekzistas multaj pruvoj en la praktiko... Do fakte ne ĉiuj ekskursanoj, ne finintaj la kurson aŭ ne aktivantaj en la grupoj, estas perditaj... Tion ni nepre komprenu. Oni ankaŭ konsideru, ke en aliaj fremdlingvaj kursoj de 30 personoj, ofte nur restas 2-3... Do se el unu kurso elkreskos 1-2 vere* aktivaj *esperantistoj oni povas esti kontenta.*

Ŝajnas do, ke ankaŭ en la sfero de Esperanto, kiel en la ceteraj sferoj de la vivo, ni devas kontentiĝi per tre malmulto...

* * *

El HEROLDO DE ESPERANTO de la 16-a de januaro ĉi-jara:

*En ĉiu lingvo abundas homonimoj kaj ankaŭ Esperanto senĝene akceptu ilin. Precipe kunmetitaj vortoj iom post iom fariĝas arkaismoj en Esperanto. Aplaŭde ni bonvenigu tiun tendencon, ĉar plej ofte internacie konataj vortoj aŭ memstaraj radikvortoj por difinitaj nocioj pli facile lerneblas ol ruze elpensitaj, ofte obtuzaj kunmetaĵoj. Se ni jam de longe akceptis 'trajnon' apud vagonaro, 'stulta' apud malinteligenta, 'bunta' apud multkolora, kial heziti antaŭ facile manovreblaj, ĉiutagaj epitetoj, kiel basa, dura, febla, frida, plumpa, leĝera, loza, minca, magra kaj precipe 'liva' aŭ 'lefta' (maldekstra)? Tiom pli ĉar iliaj nuanc-valoroj kontribuas al la esprimoriĉo kaj nuancivo de la*

*lingvo. 'Magra rezulto' ne tradukeblas per 'malgrasa resulto', 'leĝera rideto' ja ne estas 'malpeza rideto' kaj 'frida sinteno' ne egalvaloras tute 'malvarman sintenon'. Ĉu lingve kaj stile frazo kiel 'La turpa oldulino softe apertis la pordon al sia kelo kaj lante descendis la ŝtuparon' ne impresas pli riĉe, pli vivece sed antaŭ ĉio pli nature ol 'La malbela maljunulino mallaŭte malfermis la pordon al sia kelo kaj malrapide malsupreniris la ŝtuparon'?*

Persone mi ĝojas ĉe tiu kriterio de s-ro E. L. M. Wensing, sed kion pensi pri la facile ŝokeblaj koroj de la rigidaj lingvo-konservativuloj?

* * *

Denove kun s-ro Wensing. En LA BRITA ESPERANTISTO, januaro-februaro 1974, li publikigas la unuan parton de artikolo titolita 'Quo vadis Esperanto'. Mi atendas la duan parton por fari komenton pri la tuto, ĉar la artikolo ja estas vere komentinda. Mi nur diru anticipe, ke, menciante kelkajn paragrafojn el iu recenzo mia (kaj lian mencion mi dankas) s-ro Wensing titolas min 'UEA-komitatano'. Tian kategorion mi ne havas, des malpli, ke mi eĉ ne apartenas nuntempe al UEA! Espereble, la ceteraj informoj de s-ro Wensing estas pli ĝustaj kaj fidindaj.

* * *

En 'Unueco super ĉio', ESPERANTO, januaro 1974, prof. Ivo Lapenna, prezidanto de UEA, diras kun sia kutime cel-trafa analizemo:

*...pro la socia konsisto de la Esperanto-movado, neeviteble ankaŭ en UEA esprimiĝas ekstremismaj starpunktoj kun fortaj centrifugaj tendencoj; ...kelkfoje temas pri konscia misuzo de diferencoj kun la celo inciti malkonkordon kaj kaŭzi disrompon por kontentigi siajn proprajn troajn ambiciojn aŭ pro diversaj aliaj personaj motivoj kaj privataj interesoj... Apenaŭ necesas diri, ke la principo de neŭtraleco... kaj ĝia racia apliko en la ĉiutaga praktiko... estis kaj plu estas unu el la esencaj kondiĉoj de unueco en diverseco. Mortigo de neŭtraleco egalas al mortigo de unueco, sekve al detruo de UEA kiel la ĉefa faktoro por la plua organizita disvastigado de la Internacia Lingvo.*

Al tio mi dezirus aldoni, ke al la centrifugaj fortoj, kiuj endanĝerigas la konsiston kaj la organizon de la Movado, oni devus alkalkuli la reaktiviĝon de alia speciala fronto, kiun formas aro da 'malbonaj perdantoj' (laŭ vortoj de H. A. de Hoog en DIA REGNO, februaro 1974) obsedataj ataki la kernon de la lingvo mem per siaj fantaziaj interpretoj de la strukturo de Esperanto. La sinsekvaj aperoj de 'La participa problemo en la Akademio' de s-ro Ebbe Vilborg, kaj de 'Kompleta lernolibro de regula Esperanto' de s-ro L. Mimó montras la mizeran konsiston etikan kaj gramatikan de tiu fronto, kiu, eĉ sen prestiĝo kaj validaj argumentoj, povas tamen plu krei konfuzon inter la nove bakitaj esperantistoj kaj skeptikecon inter la ĝenerala publiko kaj ĉe la respondecaj instancoj oficialaj de la diversaj landoj.

* * *

Koran gratulon al SAT-AMIKARO, januaro 1974, ĉar ĝi prezentiĝas en tute nova kaj pli moderna formato kaj aranĝo, kaj anoncas ŝanĝon ankaŭ en sia enhavo. Ni, kutimiĝintaj vidi, kiel niaj gazetetoj en siaj debutaj numeroj aspektas freŝe kaj interese kaj poste iom post iom kadukiĝas kaj milde mortas, salutas la renovigitan SAT-AMIKARO, pro tio, ke ĝi vidiĝas kiel speciala kaj ne ofta fenomeno.

* * *

Kaj ĝis la proksima revu-rikolto, kun plej koraj salutoj,

*Fernando de Diego*

## *Ni legis por vi...*

PERFEKTIGA KURSO. PLENA TRAKTATO PRI LA SINTAKSO, de Daniel Quarello. Eldono de la aŭtoro, 1973, Buenos Aires, Argentino. 194 paĝoj, broŝurita; formato 14,5 × 22 cm. Prezo: 240 ptoj.

Ĉi tiu gramatika libro iom perpleksigas min: evidentas la zorgo kaj la sindediĉo de la aŭtoro krei senriproĉan verkon, kaj oni devas senrezerve laŭdi lian honestan intencon kaj la nedubeble pozitivajn aspektojn de lia laboro. Des pli do bedaŭrindas la eraroj, kelkaj eĉ elementaj, kiuj ie tie makulas la cetere atentindan libron.

Jam de la komenco, la subtitolo "Plena Traktato de la Sintakso" ne tute respondas al la vero. La aŭtoro traktas nur la ĉefajn punktojn de la sintakso (kaj krome, ne sintaksajn demandojn, kiel, por ekzemplo, la uzon de la artikolo, kio apartenas al la sinetio) kaj multon li lasas netuŝita, kiel montrus komparo kun la Plena Gramatiko de Kalocsay/Waringhien. Aliflanke, ĝenas la manko de homogena terminologio: kun terminoj pruntitaj el la Esperanta gramatiko miksiĝas aliaj prenitaj el la hispana, kio kelkfoje estigas konfuzajn difinojn. Enkonduki, por ekzemplo, la terminon *paciento* por *objekto* ŝajnas superflua kaj nemotivita decido. *Femenino* kaj *maskulino* anstataŭ *ina genro* kaj *vira genro* ŝajnas oportunaj neologismoj, sed oni devus aparte klarigi ilin.

Oni pardonu mian nescion, sed mi tute ne komprenas la aserton de la aŭtoro, ke "inter la kvar kazoj de la deklinacio kaj la komplementoj de la predikato estas la diferenco, ke la unuaj estas regataj de la predikato de la propozicio, dum la duaj estas liberaj je ia ajn rilato kaj indikas la cirkonstancojn, ĉe kiuj disvolviĝas la celo de la predikato. La komplementoj de l' predikato nomiĝas ankaŭ ablativoj" (paĝo 78). Ĉu la ablativo, aŭ prepozitivo, ne estas same unu el la kazoj de la deklinacio?

La aserto, ke, *mi raziĝis* egalas al *mi aperis razita* (paĝo 43) estas almenaŭ diskutinda.

La difino de la artikolo estas vere stranga: "la artikolo ne estas iu parto de l' parolo, sed speciala klaso de vorto, kiu difinas substantivon" (paĝo 155).

En la listo de adverboj de la paĝo 78 aperas, neklarigeble, la interjekcio *adiaŭ*, la pronomo kaj adjektivo *ambaŭ*, kaj la konjukcio *nek*. En la paĝo 148 la aŭtoro nomas la adverbojn *ju* kaj *des* konjukcioj, kaj en la paĝo 150 enlistigas la adverbon *dume* inter la konjukcioj.

En la paĝo 92 legiĝas, ke "la prepozicio *ĝis* uziĝas ankaŭ kun infinitivo: *mi atendos ĉi tie ĝis vidi lin*", kio estas rekte erara; sed en la paĝo 112 aldoniĝas, ke "la prepozicioj *ĝis, inter, sen* uzataj kun infinitivo estas forrifuzataj el oficiala vidpunkto". Fakte, *sen* kaj *inter* povas uziĝi kun infinitivo; *ĝis,* tute ne, do, oni ne devus ĉi-rilate enmeti la tri prepoziciojn en la saman sakon.

En tiu paĝo 92 legiĝas ankaŭ ke "la prepozicio *antaŭ,* precipe la formo *antaŭ ol,* povas uziĝi kun infinitivo". Kiel sciate, *antaŭ* neniam uziĝas kun infinitivo, sed nur *antaŭ ol.*

La ekzemploj de la aŭtoro ne ĉiam estas senriproĉaj. En *La aeroplano rapide troviĝis mezen en la nebulo,* paĝo 117, *mezen* devus aperi sen akuzativo, ĉar oni ne povas uzi akuzativon de movo kun verbo de stato. En la paĝo 123, *la masonistoj dormis la sieston* (= *la masonistoj transdormis laborhorojn*), estas fantazia ekvivalento, same kiel en la paĝo 125, *tiu libro respondas ĝeneralan bezonon* (= *tiu libro prirespondas ĝeneralan bezonon*), kies respektivaj sencoj estas fakte tute diferencaj, preskaŭ malaj.

*Kontralto,* paĝo 178, en la senco *kontraltulino,* ne ekzistas ĝis nun en Esperanto.

La ĉapitro "Gradoj de la komplementoj" impresas kiel produkto, sen praktika aŭ teoria valoro, de ia inklino al superflua analizado kaj difinado, evidentiĝanta ankaŭ en aliaj partoj de la libro.

Aliaj kritikindaĵojn oni povus elsarki. Sed la menciitaj ekzemploj sufiĉu por montri, ke en *Perfektiga Kurso. Plena Traktato pri la Sintakso* troviĝas, apud laŭdinda kaj didaktike taŭga materialo, nombro da eraroj kaj misprezentoj, kiuj, malfeliĉe, parte senvalorigas la libron. Kaj per kia lupeo, oni rajtas demandi, reviziis la verkon la Kontrolkomisiono de Lernolibroj (Akademio de Esperanto)? Ĉu oni devus starigi ian kontrolkomisionon de la kontrolkomisiono por havi garantion de perfekta laboro? Ho ve, Esperanto, la facila lingvo!

*F. de Diego*

ESPERANTONIMOJ, de Marinko Ĝivoje. Eldono de "La Patrolo", Milano, 1973; broŝurita, 112 paĝaj, formato 12,5 × 17 cm. Prezo:

La apero de *Esperantonimoj* estas salutinda iniciativo; la libro meritas senrezervan rekomendon, tiom pli, ke, kiel prave diras en sia enkonduko d-ro István Szerdahelyi, "en Esperanto ĝis hodiaŭ dolore mankas la semantika priskribo de la lingvo".

La verkon, kun tre interesa antaŭparolo de la aŭtoro Marinko Ĝivoje, formas listoj de antonimoj, homonimoj, paronimoj, sinonimoj kaj vortludoj, tre helpaj por pli ĝusta uzo de la lingvo. Espereble ĉi tiu pionira verko malfermos la vojon al pli kompletaj studoj semantikaj.

La libron ornamas amuzaj ilustraĵoj faritaj de s-roj Mangini, Bakalov kaj Srebrnič, kaj, mi ripetas, ĝi estas absolute rekomendinda.

Sed, jam eksterteme, kion, je la diablo, signifas la kabala frazo *Fartu ĵuse kun via kulturo* paradanta en la dorsa kovrilo?

*F. de Diego*

SAVO EL LA NEĜO, de P. Korte. Ilustraĵoj de Willem Stroeve. Eldono de Dansk Esperanto-Forlag, Danlando; broŝurita, 77 paĝoj, formato 14,5 × 20,5 cm. Prezo: 90 ptoj.

Legolibro kun facila teksto por iom grandaj geknaboj. Temas pri la aventuroj de junulo, kiu, unika supervivanto el aviadila akcidento, trapasas, en la izolo de neĝokovritaj montoj, aron da aventuroj, ĝis li estas ĝustatempe savita.

La historio espereble bone plenumos sian funkcion pli lertigi komencantojn en la praktika uzo de la lingvo. Ĉiu para paĝo estas nepresita, blanka, por ke la lernantoj notu tie siajn prilingvajn rimarkojn. Mi jam skribis la miajn:

Paĝo 15: "Li provas ekstari: li rompis nek kruron nek brakon". Preferinde: "Nek brako nek kruro rompiĝis al li".

Paĝo 27: "Jos tuj iras flanke de la dometo". Ĉu fakte li ne iris *flanken*?

En la tuta libro mi trovis nur kvin kompleksajn verboformojn: *estas kovrita* (paĝo 25), *estas ligita* (paĝo 37), *estas savita* (paĝo 67), *estas eluzitaj* (paĝo 71) kaj *estu enterigata*.

Eĉ se por komencantoj, la libro devus doni pli da nuancitaj ekzemploj rilate al la diversaj verboformoj kompleksaj, ĉar, se oni ne komprenas ilin bone, oni ne vere posedas la lingvon.

*F. de Diego*

MORSO-KLUBO, de Robert Fisker, en Esperanta traduko de Gudrun Riisberg; desegnoj de I. Strange-Friis kaj H. Jorgen Brondum; broŝurita, 32 paĝoj, formato 14,7 × 20 cm. Prezo: 50 ptoj.

Alia legaĵo por geknaboj, ĉi-foje pli junaj, en klara, flua, simpla lingvo. La senkomplikaj, tamen interesaj intrigoj de la du rakontoj, ĉar temas pri du: *Morso-Klubo* kaj *Trezorserĉado*, meritas ĝeneralan akcepton de la flanko de la speciala publiko, al kiu ili estas destinitaj.

*F. de Diego*

AMUZAJ DIALOGOJ EN ESPERANTO, de Albert Lienhart, kun ilustraĵoj de Arfoll. Eldono de UEA, 1973; broŝurita, 142 paĝoj, formato 12 × 21,5 cm. Prezo: 100 ptoj.

Dudek viglaj dialogoj, plus 850 didaktikaj demandoj kaj respondoj, en ĉiutaga lingvo spicitaj per humuro formas la tekston de ĉi tiu verko, animita de spritaj ilustraĵoj.

Per la dialogoj oni spertiĝas en la uzo de esprimoj kaj parolturnoj ĉiam trafaj kaj naturaj, kaj sendube la instruistoj kaj memlernantoj de nia lingvo trovos ilin tre valora helpilo. *Amuzaj Dialogoj en Esperanto* estas sukcesa verko en sia speco, aĉetenda kaj uzenda.

*F. de Diego*

INTERNACIA KUIRLIBRO, kompilita de Johanna Shorter-Eyck. Eldono de Brita Esperantista Asocio, Londono; broŝurita, 193 paĝoj, formato 12,8 × 20,2 cm. Prezo: 260 ptoj.

DUDEK POPULARAJ KANTO, kompilitaj kaj eldonitaj de Skolta Esperanto-Ligo, stencilita, 16 p. + kovrilo. Prezo 11 ptoj.

---

## DANKON

Antaŭ la neebleco respondi ĉiujn salutojn ricevitajn okaze de la Internacia Virina Tago, mi kore dankas ilin, de la paĝoj de BOLETIN.

*Inés Gastón*

***VERDIGU NI ĈI-TIUN STELON***

***La 3 - 4 - 5 an de Majo 1974 okazos la***



## VIa FRANCA-HISPANA ESPERANTISTA RENKONTIĜO

**en**

***B I A R R I Z***
***(Francujo)***

PROGRAMO

| | | |
|---|---|---|
| Vendrede 3: | 19,— h. | — Akceptado de la gekunvenantoj. Distribuo de la rezervitaj ĉambroj. (Hoteloj 2 steloj, placo Sank. Eugénie). |
| | 19,30 h. | — Vespermanĝo en la lernejo por hotel-metioj. (Prezo 17 f.). |
| | | — Ripozo ? |
| | —,— h. | — Tranokto. Hotel-prezoj: 1 persono: 30.50.57 f., 2 personoj: 45.65.74 frankoj. La prezoj estas laŭ kategorio de ĉambro. |
| Sabate 4: | 10,— h. | — Vizitado de la Sangdonaca Centro. Simbola Sangdonado. |
| | 11,30 h. | — OFICIALA AKCEPTO EN LA URBODOMO. |
| | 12,30 h. | — Tagmanĝo. (Prezo 22 f.). |
| | 14,30 h. | — Vizito de la Muzeo de la Maro. Esperante gvidata (3 frankoj). |
| | 17,— h. | — Vizito Urbo Bajono kaj Katedralo Sank Maria. Tra la Vaska Lando ĝis urbeto Arcangues. |
| | 20,— h. | — Vespermanĝo - folklora spektaklo (30 frankoj). (Meso, je la 20,30 en la vilaĝo.) |
| | 23,— h. | — Sono kaj Lumo fronte la maro ĉe la Granda Sablo bordo. (Urbo donaco.) |
| | —,— h. | — Tranokto. |
| Dimanĉe 5: | 10,— h. | — Vaska Pilkludo spektaklo (trinkmono). |
| | 13,30 h. | — ĜOJA AMIKA BANKEDO apud la alfluejo de la rivero Adour (36 frankoj). |
| | 17,— h. | — Ĝis la 7.a F.H.E.R. |

---

La prezo de la hotelo estas po nokto.

Bonvolu sendi vian aliĝon kiel eble plej baldaŭ al S-ro Jacques DECOBERT, Esperanto PAU-ADOUR, F-64820 ACCOUS.

---

La Hispana Turisma Esperanta Sekcio organizas aŭtobusan vojaĝon por partopreni en la Franca-Hispana Esperantista Renkontiĝo.

---

## 59a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

Okazonta en Hamburgo (F. R. Germanujo) de la 27-7 ĝis la 3-8-1974.

Sub la Alta Protektado de Dro. Klaus von Dohnanyi, Ministro pri Klerigo kaj Scienco de F.R.G.

Unua bulteno kun aliĝilo estas senpage ricevebla ĉe la konstanta adreso de la Kongreso: Nieuwe Binnenweg 176. ROTTERDAM-3002. Nederlando.

Statistiko: (20a de februaro 1974).

Entute 965 aliĝintoj el 42 landoj. (Hispanoj, 15).

---

TIP. C. BOLOIX. - REINA FABIOLA, 7 - ZARAGOZA

D. L. Z. - 375 - 63